.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 16/05/2019 Kvarcentdudeksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 825,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **326,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **303,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **196,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.68




**(La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay**

Jen kroma Predikativo ($ 169): Ĝi povas esti Prepozitivo, kiel en "Mia frato ESTAS DE MEZA KRESKO"; "Tlu libro ESTAS DE TOLSTOI"; "Tiuj planoj RESTAS POR LA ESTONTECO"; "Ni JUĜIS lin EN SIA RAJTO".

Ĉar participoj estas adjektivoj ($ 170), ni ofte uzas ilin predikative: "Ni VIDIS lin FALANTA", "Li MONTRIĜIS FALINTA."; "Ni RENKONTIS lin tute PERDINTA sian vojon.". "ŜAJNIGU vin ATAKITA ".
"Li RIGARDATAS SENKULPA"; "Li nun ne ESTAS VIVANTA, ĉar li nun ESTAS MORTIGITA hieraŭ"; "Hieraŭ li ESTIS MORTIGATA je tagmezo"; "Hieraŭ je la dua horo li ESTIS jam antaŭe MORTIGITA, ĉar hieraŭ tagmeze li ESTIS MORTIGATA"; "Mi RESTAS KONFUZATA de ili kaj mi JUĜATAS MALKLERA de ili".

P.A.G. atentigas ankaŭ pri la malsamaj signifoj en 1e. "Ŝi edziniĝis malriĉa", kie "malriĉa" estas Predikativo kaj kiu signifas ke dum la edziniĝo ŝi malriĉis, kun "Ŝi edziniĝis malriĉe", kie "malriĉe" estas Adverbo ĉe la Simpla Predikato "edziniĝis" kaj kiu signifas ke la edzo malriĉas. .

*Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagata kafo atendas vin.
La 18a de majo estos la tria sabato. Venu .



*Roger Springer.*



# Universala baza enspezo (UBI)



## Por pli kontentiga kaj sekura mondo

Universala baza enspezo (UBI) estas simpla ideo: perioda konstanta pago senkondiĉe transdonita al ĉiuj individuoj, sen rimedo-testado aŭ labora postulo.

Ĝi devos esti minimuma sed sufiĉe granda por ebligi ĉiujn vivi kun homa digno, kun manĝo kontraŭ mortmalsato, akvo, vestoj kaj loĝejo kontraŭ la klimato, elektro por komuniki kun la mondo ktp.

## Tio helpos solvi multajn problemojn de la tuta homaro

Sklavoj ne ekzistos. Inoj foriros de la laborejo, se la estro agas fie. Do estroj traktas siajn gelaboristojn pli bone/zorge/respekteme. Laboristoj ne devus agi fie, ĉar ili havos la eblon eskapi el teruraj situacioj sen zorgo de sia estonteco.

La situacioj kuraĝigante sinmorton malgrandiĝos. Homoj ne vivus en severaj situacioj
Oni ne devus ŝteli aŭ murdi por eviti fruan morton/malsaton.
Oni ne devas timi la komputerojn kaj maŝinojn, kiuj anstataŭas onin en la laborejo.

**Kiu venigos la monon? Kio estas mono? Registaroj neniam havas problemon financi militojn. Kion vi opinias?** *Roger Springer*







Miaj sentoj tute akordiĝas kun la viaj koncerne UBI.
Pensoprovoka estas la fakto, ke (laŭ mia scio) neniu lando jam provis la koncepton.
Ho ve, mi dubas, ĉu la militemuloj, kies arsenalo-industrio bilionuligas ilin, samsentas kiel ni. *Vera Payne*





## Pri la propono de Roger disdoni universalan bazan enspezon al ĉiuj.

Tiu ideo tute ne estas nova.Eĉ antaŭ ol maŝinoj aŭ robotoj anstataŭis la homojn por produkti varojn, jam en la XVI a jarcento Sir Thomas More faris similan proponon. Multaj eksperimentoj estis faritaj . Kun granda intereso mi legis la libron de Rutger Bregman *Utopio por realismanoj,* aŭskultis liajn intervjuojn kiam li ĉeestis la festivalon de verkistoj en Sidnejo kaj spektis lian Ted paroladon en 2017. Li konvinkis min ke tiu universala baza enspezo plibonigos la vivon de multaj homoj , do finfine de ĉiuj , ĉar estas pli sekure kaj agrable vivi inter homoj, kiuj estas kontentaj .

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***




La eksperimentoj plejparte ne vere fiaskis, kio estas kuraĝiga. La obstakloj estas pli psikologiaj ol ekonomiaj. Ĉu Dio ne diris al Adamo kaj Eva ke de post sia peko ili devos suferi kaj labori ? Por multaj estas malfacile akcepti ke homo povus ricevi monon sen iu kondiĉo . Ili opinias ke homoj estas funde malbonaj kaj pigraj. Eble iam la pensmaniero ŝanĝiĝos kaj homoj povos mense progresi ĉar neniu ilin submetos al sia povo kaj kreos ne humanajn vivkondiĉojn. *Franciska Toubale*



**Komunismo estas la plej granda provo de simila sistemo kaj fiaskis.**

Sed la mondo ŝanĝiĝis multe dum la lastaj jaroj. La komputeroj kaj lertaj maŝinoj komencas anstataŭi homojn en la produktado de la necesaĵoj kaj riĉeco por la homa popolo.
La nuna ekonomio ne plu helpas la tutan homaron, nur kelkajn bonŝanculojn.
Modo de vestoj, ktp rezultas en grandaj forĵetaĵoj de uzeblaj aĵoj kaj detruos la planedon.
Laŭplanaj nelongdaŭraj aĵoj aldonos al la profito de la firmaoj ĉar oni devas aĉeti anstataŭon sed ankaŭ tio akcelas la detruon de la planedo.




Militoj multe detruas nian planedon.
Ni bezonas novan ekonomian direkton.
Eble Universala baza enspeza sistemo estus bona ideo.

**Kion vi opinias?** *Roger Springer*




# Mensosana progreso en mia ĝardeno.



## ĈU LA TERO ESTAS PLATA ?

Kial vi ne kredas, ke la tero estas plata? Ĉar vi kontrolis kaj decidis ke la sciencistoj pravas. Vi ne simple diras, kion oni diris antaŭ la mezepoko, ke ĝi platas simple ĉar ĉiuj diras tion. Ĉu vere?

Multaj kredas nun, ke la klimatŝanĝiĝo estas fantaziaĵo, sen kompari la sciencajn klarigojn de la poruloj kaj de la kontraŭuloj. Ofte la homoj kredas tiujn kiuj bojas plej laŭte.

Ĉu eble la samo povas okazi pri la gramatikaj tezoj en Esperanto? Mi ŝatus ke ne, sed konstatas ke jes. Speciale ĉar ne-Esperantist'oj scias malmulte pri Esperanto kaj ĉar multaj Esperantistoj scias malmulte pri la gramatiko de Esperanto kiel artefarita lingvo. Aliflanke estas en Esperanto pli facile eltrovi la ĝustecon aŭ ne de certaj gramatikaj dubindaĵoj, ĉar la kontraŭuloj de certa tezo nuntempe ne havigas sciencan refuton ante la tezon ĉar ili kutime ne kapablas havigi ĝin. Mi trovis tion precipe pri tri aŭ kvar malĝustaĵoj nun kutimaj, kiujn mi klarigadis kaj klarigadas. Ja devas ekzisti en movado homoj kiuj faras tion, nome montri kaj kritiki tiajn malĝustaĵojn.

Mi agnoskas, ke al multaj Esperantistoj estas malfacila vidi la ĝustecon de ekzemple la predikativa adjektivo por reprezenti infinitivon aŭ subordan frazon, kaj malfacila decidi kion ekzakte signifas la prepoziciaĵoj "ante al" kaj "ate de". Sed estas pli facila kaj komprenebla, vidi la ĝustecon de la landonomoj en "-ujo" kaj la ĝustecon de la sufikso "-ati" por la verba pasiva voĉo kaj la ĝustecon de la vorto "tialo" anstataŭ la vorto "kialo". Precipe ĉar AŬ la

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

defendo de "-io" estas nelogika AŬ ne okazas defendo de la neŭzo de "-at" aŭ de "tialo" Simple ĉar tiuj defendoj ne eblas, kaj la eventualaj defendantoj scias aŭ sentas tion, kaj silentas. Tial mi trovas tre stranga ke ekzistas homoj kiuj plu uzas la malĝustan "-io" kaj la malĝustan "estis –ata aŭ –ita" kaj la malĝustan vorton "kialo". Tiuj homoj evidente ne interesiĝas pri ĝusteco en Esperanto, dum ili interesiĝas tre pri ĝusteco en sia etna lingvo. Ne ekzistas senkulpigo, ĉar mi jam multfoje montris kaj klarigis la erarojn. Kial homoj ne juĝas serioze tiujn Esperantistojn kiuj montras la ĝustan Esperanton al ili? Same kiel mi estas danka al la kuracisto kiu kuracis min.

Se ekzistas Esperantologoj kiuj kapablas refuti miajn tezojn, mi invitas ilin. Sed ĝis nun neniu penas fari tion, ĉar tio evidente ne eblas. La silento de la aliaj Esperantologoj pruvas tion. Do ĉu la tero plu estas plata? Aŭ ĉu Esperanto estas negrava afero, nur ludaĵo?

*Marcel Leereveld*.

## MI PROPONAS AL CI ......... .

Ni scias, ke en naturaj lingvoj, kaj speciale en la angla, la signifo de vorto, aŭ la vorto por signifo, kelkfoje ŝanĝiĝas pro la akompanaj vortoj. Ne nur ke ne malofte tiaj ŝanĝiĝoj estas nur okazaj, kiam certa vorto aŭ ideo provizore ŝanĝas alian vorton, sed ankaŭ ke tia ŝanĝiĝo povas validi ĉiam, en ĉiuj kazoj.

Tipa tia kompleta ŝanĝo estas tiu de la angla verbo "*to propose*". La origina signifo de tiu verbo estis "proponi", kaj plu estas sed preskaŭ neniam uzata tiel. La kaŭzo estas, ke tiu verbo ekuzatis ankaŭ por signifi "*propose in marriage*", proponi por geedziĝo. Ĉar tiu verbo "*to propose*" ricevis do kroman signifon, ekstran, la uzo de la verbo povas krei embarason, kiel en "*Yesterday I proposed to Franciska, to marry Bernie*", "Hieraŭ mi proponis al Franciska edziniĝi al Bernie". Por eviti tiun embarason la angloparolantoj komencis uzi verbon kun alia signifo, "*to suggest*", *to brainwash*, sugesti, menspolucii. Sed pro tiu ŝanĝiĝo de la signifo de "*to suggest*" de "sugesti" simple al la signifo de proponi, oni devis trovi alian vorton por "*to suggest*", kaj trovis la esprimon "*to brainwash*", cetere stulta vorto, ĉar signifanta la kontraŭon.

Kompreneble en etnaj lingvoj tiaj ŝanĝoj ne faratas konscie, kaj estas la popolo kiu malrapide akceptis la ŝanĝon. En la historio de la angla lingvo, kaj malpli en aliaj lingvoj, oni trovas tiajn ŝanĝojn, se oni serĉas, kaj kvankam tiuj ŝanĝoj okazis kaj okazas kaj okazos malrapide, en la nuna tempo la ŝanĝoj okazas ofte pli rapide, en unu generacio. Kiel ekzemple la ŝanĝiĝo de la signifo de la vorto "*debatable/ly*" okazis nur en la lastaj kvin jaroj.

*Marcel Leereveld*.

## VORTORDO .

Kelkaj Esperantistoj lernis, ke en Esperanto la vortordo estas libera. Nu, tio ofte ne povas aplikiĝi, AŬ ĉar ĉe ordoŝanĝo la signifo povus ŝanĝiĝi, AŬ ĉar neregula vortordo faras la komprenon ege malfacila.

Ja ekzistas , plejparte naturaj, reguloj por la vortordo en niaj lingvoj. Tio devas esti, ĉar legu "La mia ĝardeno en multe faras ĉirkaŭ en granda bruo mia serĉantaj de belaj manĝaĵo". Jen do normala frazo, sed nekomprenebla pro la tute malĝusta vortordo. Ĉeestas du specoj

de reguloj, unu por la kvar partoj de la frazo inter si (subjekto, predikato, objekto, kaj adjektoj), kaj unu por la vicordo interne de ĉiu frazparto. La precipa vicordolibereco en Esperanto, multe pli ol en etnaj lingvoj, estas tiu de la frazpartoj inter si. Teorie eblas uzi iun ajn vicordon de tiuj 4 frazpartoj: "La grupeto de ni kvar - volas verki - artikolojn k.t.p. - en Melburno - por A.E. - ĉiun semajnon." Ĉiu vicordo de tiuj ses frazpartoj permesiĝas, sed kelkaj da tiaj vicordoj faras la tutan frazon malfacile komprenebla dum la parolado: "Por A. E. - en Melburno - artikolojn k.t.p. - volas verki - ĉiun semajnon - la grupeto de ni kvar ." Lingvo ja ne estas kvizo por eltrovi kion la alia persono vere diras. Sed verkistoj uzas tiajn malfacile kompreneblajn frazojn ofte por veki la leganton, aŭ pro artismaj tialoj. Ordinaraj homoj do kutime uzas la vicordon Subjekto – Predikato – Objekto – kaj Adjektoj, kun ne malofte variaĵo kiu komenciĝas per unu el la adjektoj: "Ĉiun semajnon – la grupo de ni kvar - k.t.p.", des pli ĉar tia adjekto tuj rekonatas kiel adjekto ĉar la subjekto normale ne havas akuzativon nek prepozicion nek estas adverbo, kaj la subjekto kutime tuj sekvas. La samon faras etnaj lingvoj. Kvankam en Esperanto oni rajtas uzi ian ajn vicordon de la frazpartoj, la Esperantistoj ĝenerale sekvas la pli klaran kutimon de la etnaj lingvoj.

Alie temas pri la internaj vortoj de (iu ajn) frazparto. Ree pro klareco, ni ĉi tie obeas la kutimajn vicordojn pli strikte. Eĉ se alia vicordo tute klarus: "La arbo granda falis hieraŭ sur la straton nian mallarĝan". Eĉ la latinidaj Esperantistoj uzadas la vicordon de la ĝermanaj lingvoj, kontraŭan al sia: "Ilia eksterordinara maniero manĝi" por "*Leur manière extraordinaire de manger*". Zamenhof uzis plurajn nekutimajn vicordojn interne de frazparto, sed nur por montri la elastecon de la lingvo. Cetere poetoj povas uzi iajn ajn vicordojn, kaj faras: "en laboro paca ne laciĝos".

Nun ni rigardu , pri la internoj de la frazpartoj, la kutimajn regulojn, kaj la kelkajn regulojn kiujn ni detempaltempe ŝanĝas. Unue la gramatika artikolo: oni neniam metas ĝin malantaŭ ĝian substantivon. Eĉ ne malantaŭ ĉi ties adjektivo: "bela la floro" por "la bela floro" (jese en poezio). La adjektivon oni kutime metas antaŭ sian substantivon, kvankam la alternativo ne malfaciligas la komprenon. La prepozitivon oni ĉiam metas malantaŭ ĝian substantivon aŭ adjektivon, kvankam tio kelkfoje kreas dusencecon. Tian dusencecon oni evitas uzante la slavan vicordon, kun la prepozitivo tuj antaŭ sia substantivo: "(Ŝi ricevis) la DE LA PATRO mesaĝon DE SIA AMIKINO."

Malofte ni trovas la komplementon de la infinitivo antaŭ ĝi: "Lia deziro reveni proksiman Lundon". Pli ofte se la komplemento estas adverbo: "Lia deziro baldaŭ reveni", kaj "Malofte trinki alkoholon", sed ne "Alkoholon trinki malofte".

Notu la diferencajn signifojn pro la pozicio de frazparto: **1**). Li lasis mortigi ŝin (= Li lasis iun mortigi ŝin" kaj Li lasis ŝin mortigati)_ kun Li lasis ŝin mortigi (iun)". **2**). Oni petis aŭskulti ŝin kun Oni petis ŝin aŭskulti. (En la unua frazo "aŭskulti" estas Objekto de "petis" kaj "ŝin" estas Objekto de "aŭskulti", kaj en la dua frazo "ŝi" estas Nerekta Objekto ĉe "petis". **3**). Same ĉe "Li permesis (iujn) kisi la infanon" kaj "Li permesis (al) la infanon kisi (iujn). Ankaŭ en: "Mi proponetis/ rekomendis lin (= al li) nun retropagi la ŝuldon" kun "Mi proponetis/rekomendis (al iu) retropagi al li". En ĉiuj tiaj kazoj, kie temas pri du verboj, do du agoj, estas preferinda lokigi la Objekto(j)n tuj post sia verbo. Tio plej klaras en frazoj kiaj

**.*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.*** rspring@tpg.com.au

"Mi instruis lin obei" kaj "Mi instruis obei lin". Ankaŭ: "Ŝi lasis manĝi (= ŝi lasis manĝati) la kokinon: kaj "Ŝi lasis la kokinon manĝi". Kaj "Mi aŭdis (iun) turmenteti la infanon" kaj "Mi aŭdis la infanon turmenteti (ekz. animalon)". *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



LA LAMPIRO

60-a jaro n-ro 155 2019:1

ARTHISTORIO

Pentraĵo Sur Muro | Ekde Mezepoko Ĝis Rokoko

La Lampiro 155:1

ENTUZIASMA EVENTO EN LEGIO DE BONA VOLO

La 27-an de februaro 2019 okazis en la sidejo de Legio de Bona Volo (LBV) en San-Paŭlo, vigla evento. Por tio alvenis el Rio-de-Ĵanejro tri gejunuloj el la estraro de KarEJO - la loka Junulara Esperantista Organizo: Tamíris Queiroz, Matheus Arantes kaj Anderson Delgado. Ĉeestis ankaŭ tri reprezentantoj de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo. Matene, la Esperantistoj vizitis la instalaĵojn de la granda lernejo, kie studas 1500 infanoj kaj junuloj. Akompanis ilin la oficistoj en la departemento de Esperanto de tiu institucio. Ili tagmanĝis en la komuna restoracio.

La Lampiro 155:1

## Esperantlingvaj komunikiloj reliefigas atelieron aŭspiciitan de LBV

Supra estas la ligilo al tiu raporto:

Lastatempe la Esperanto-komunikiloj diskonigis la 2019-Atelieron de Esperanto aŭspiciitan de Legio de Bona Volo (LBV) en partnereco kun la Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO). Kaj tiun bonan novaĵon ni ŝatus kundividi kun vi, karaj samideanoj. Do vidu en speciala raporto la komunikilojn, kiuj prezentis la sukceson de tiu Ateliero, en kies realigo grave kontribuis pluraj samideanoj.

Bondezire, plej amike, *Maria Aparecida da Silva* www.bonavolo.com www.paivanetto.com/eo







**3zzz** En la elsendo de la 13a de majo aŭdeblas movadaj informoj , vidpunkto pri la eblaj diversaj signifoj de la vortoj `" nacio" kaj "nacieco" , grava problemo kiam la landlimoj aŭ la ideologio de iu lando ŝanĝiĝas .

*Franciska Toubale*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au






Lastan sabaton okazis bona kunveno de BES kun novaj membroj Naomi kaj Mikhail



Paŭlo Howlett kaj S-ino Amorison vizitantino el Francio

informis nin *Peter Danzer*



# Interesaj faktoj por Propagando

| ***Lernado de fremda lingvo postulas*** | **Komparu Esperanton** |
|---|---|
| *Lernu legi la skribitan lingvon. Ofte ĝi ne agordiĝas kun la parolata lingvo...* | ..Fonetike senescepta |
| *Lernu la gramatikon. Ofte ĝi estas plena da esceptoj al la reguloj..............* | ..17senesceptaj reguloj |
| *Lernu vortliston taŭgan por via espera uzo..........................................* | ..Kunmetitaj vortoj |
| *Lernu la standardan prononcon. Ofte ne agordas kun la parolata lingvo..* | ..Unu prononco |
| *Lernu la lokan parolatan lingvon........................................................* | ..Ne ekzistas |
| *Lernu la ĉiutage mallongigitan parolatan lingvon.................................* | ..Ne ekzistas |
| *Lernu la idiomojn de la lingvo ...........................................................* | ..Ne ekzistas |
| *Lernu kiel kompreni la parolatajn respondojn al viaj demandoj............* | ..Unu monda lingvo |

## Esperanto ne havas tiujn malfacilaĵojn

*Roger Springer Ĉu vi povus pli bonigi tiun tabelon? Ĉu mi fogesis ion?* rspring@tpg.com.au

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***